


# TRIA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. CAMBRIDGE 1907.

1907 ŘÍJEN—OKTOBRO. I. 8.

Toto číslo prodává se jednotlivě v administraci po 30 hal. (franko), v knihkupectví po 40 hal.

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj**

# Časopis Českých Esperantistů

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů", Praha II. (Poštovní známky všech států přijímají se v plné ceně.) Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost. Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 = 1,50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso: „Časopis Českých Esperantistů" en Praha II. (Bohemujo-Aŭstrio). (Poŝtmarkoj de ĉiuj ŝtatoj estas akceptataj plenvalore.) La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskriptojn por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

*** ***

**Avizo:** Nia redakcio ĵus eldonis **trian** serion de novaj propagandaj poŝtkartoj, presitaj sur glata, blanka papero: sur duono de ilia adresflanko estas malgrandigita la bildo, kiu ornamas nian revuon, la alia flanko estas rezervita por la sciigoj.

Prezo (afrankite) de ĉi tiuj poŝtkartoj estas: 10 ekz. 15 hel., 25 ekz. 30 hel., 50 ekz. 60 hel., 100 ekz. K 1·15 (Pagu per poŝtmarkoj).

Esperantajn gazetojn ni petas pri afabla interŝanĝo; atentigo: bohema č = ĉ esp.! Ni petas ĉiun, kiu havas superfluajn ekz. de Č. Č. E. sendi ilin al ni, ĉar nian provizon elĉerpis la specimene sendataj ekz. de unua kaj dua numeroj kaj nun ni posedas nur tre malmulte da ili por novaj abonantoj.

---

Plej bona propagandilo estas duobla poŝtkarto kun bildo de

## 40 ESPERANTAJ REVUOJ

(14 × 18 cm.). PREZO afrankite: 10 ekz. 80 hel. (Fr. 0·90), 25 ekz. 1·80 K (Fr. 2·00), 100 ekz. 6·— K (Fr. 6·30).

Bela memorajo je dudekjara

## JUBILEO DE ESPERANTO

estas la originala fotografaĵo de 40 revuoj esperantaj kun portreto de nia Majstro. (13 × 21 cm). PREZO afrankite: 0,5 Sm (1·20 K, Fr. 1·25, 1 M, 1 Sh.). — Sin turni al: **Redakcio de „Časopis Českých Esperantistů"** en Praha. (BOHEMUJO-AŬSTRIO).

---

**„Klub Esperantistů v Praze"**, zal. r. 1902. Roční příspěvek 4 K. Pravidelné členské schůze vždy ve středu večer ve spolkových místnostech restaurace „u Donátů". Praha II. Spálená ul.

# TRIA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

CAMBRIDGE 10.—17. VIII. 1907.

Iom malfrue, eble unu el lastaj, raportas pri la kongreso nia gazeto, ripozinta dum la libertempo. Ni eĉ timas, ke niaj legantoj diros: Tion mi konas, tion mi legis en ĵurnaloj bohemaj, novaĵojn, novaĵojn mi deziras aŭdi. Vere, la naciaj gazetoj alportis rapide noton pri la kongreso, tamen detaleco mankis al ĝi. Ni ne pretendas, ke nia artikoleto estas la plej detala, la kajero havas ja 16 paĝojn, sed tamen ni kuraĝas esperi, ke iuj trovos ion novan en la sekvantaj linioj.

**Cambridge,** la kongresurbo, ŝajnas esti la sola loko, kiun niaj anglaj amikoj povis elekti por la „Tria". Kuŝante proksime de London kaj havante dum la libertempo multe da disponeblaj loĝejoj (sciu, ke ĝi estas urbo de kolegioj, kies vizitantoj forveturas dum tiu ĉi tempo), ĝi estas certe ideala urbo por gastigi en siaj domoj kaj stratoj pli multe ol 1400 fremdulojn. Ĉiaj loĝantoj estis tre bone informitaj pri Esperanto per paroladoj kaj kursoj, kiujn la prepara komitato aranĝis en printempo kaj somero. Tial neniu el fremduloj estis ĝenata per nescio de angla lingvo, ĉar en multaj magazenoj kaj restoracioj oni povis esperante paroli. Speciala kurso por la policanoj havis bonegan rezultaton: servoj, kiujn faris la policanoj-esperantistoj al fremduloj, konsiloj al ĉiuj donitaj kaj komplezemo kun kiu ili respondis je miloj da demandoj meritas pli multe ol solan vorton de danko.

Elekto de Cambridge havas specialan signifon por nia afero, ĉar la estraroj de la urbo kaj de universitato, kiuj montris tiom da favoro por Esperanto, estas korporacioj konataj kaj respektataj ne sole en Anglujo, sed en la tuta civilizita mondo. La urbo kun siaj multenombraj vidindaĵoj (kolegioj, preĝejoj, parkoj) kaj la ĉirkaŭaĵo mem estas vizitindaj pro belecoj neimageblaj. Loĝado en Cambridge, tre oportuna danke zorgojn de la Trio, kontentigis eĉ la plej postuleman kontinentanon: en hoteloj kaj privataj domoj, kie loĝis fremda kolonio, ĉiam oni trovis almenaŭ unu Briton-Esperantiston, kiu estis preta servi al ceteraj kunloĝantoj fremdlingvaj kiel interpretisto, precipe dum la komunaj matenmanĝoj. Oni devas laŭdi la mirindan lertecon kun kiu la Trio organizis ĉiujn preparajn laborojn; tiom da bonaj ideoj, kiom da ili estis

praktike efektivigitaj en Cambridge, oni povas serĉi nur ĉe Angloj. Ni citu interalie la eldonon de speciala papermono: biletoj, aĉetitaj per kia ajn mono ĉe la kongresa kasisto, servis al vi dum la tuta semajno kiel pagilo en restoracioj kaj hoteloj. Admirante la praktikajn aranĝojn, ni ne devas forgesi la ĉefan laborejon, la urban domon (Guildhall), kiu estis dum „nia semajno" ŝanĝita je abelujo: senintermanke penetradis en la akceptejon novaj kaj novaj alvenantoj tra densa amaso da disputantaj, scivolaj urbanoj, amasiĝintaj antaŭ la ĉefa pordo: la granda ĉambro en unua etaĝo ŝajnis esti borso aŭ vendejo. Laŭtvoĉa babilado, salutaj ekkrioj, bonvenado de malnovaj amikoj kaj ordonoj de la oficistoj surdigis a orelojn. En mezo de la ĉambro, inter longaj, kvarangule kunmetitaj bariltabloj, oni disdonas la biletojn, invitajn kartojn, programojn, signojn, gvidlibrojn kaj enskribas novajn aliĝantojn je kongreso kaj ekskursoj. Tie ni vidas amikojn Mudie, Blaise, Mann kaj Watters, kiuj nelaceble kaj rapide donas informojn je demandoj venantaj de ĉiuj flankoj. En la sama ĉambro funkcias dum la kongreso filio de ŝtata poŝta oficejo; ĝiaj oficistoj, Esperantistoj, havas tre ofte okazon instrui fremdajn samideanojn pri angla malpraktika monsistemo. La poŝto aranĝis tre oportune la dissendadon de leteroj adresataj al kongresanoj (leterojn senditajn samloke oni ne bezonis afranki).

El akceptejo oni eniras en apudan skriboĉambron provizitan per sufiĉega kvanto da kovertoj, paperoj, poŝtkartoj reklamaj kaj oficialaj, libere disponeblaj. En la sama etaĝo estas ĉambro rezervita por jurnalistoj (preskaŭ 40 ĵurnaloj sendis al kongreso siajn korespondantojn) je kies dispono elmetis la firmo „Oliver" kelkajn skribmaŝinojn kaj multigilojn. La ĉefa kunvenejo de la kongresanoj estis la granda ĉambrego de urba domo. Tie okazis la ĉiutagaj ĝeneralaj kunvenoj, vesperaj paroladoj por anglaj neesperantistoj, kelkaj festoj postkongresaj kaj koncerto kun balo.

En supra ĉambro de Guildhall estis malfermita **ekspozicio** esperanta kun vendejo de libroj. S-oj Clegg, Collin kaj Tarpey delikate ordigis dokumentojn venintajn el ĉiuj partoj de mondo. Rimarkinda estis la plena kolekto de ĉiuj ĝis hodiaŭ eldonitaj libroj kaj broŝuroj esperantaj, sendita de prof. Bourlet kaj de la klubo en Paris. Pli ol **du mil** verkoj, komencante de la modestaj lernolibroj el jaro 1887 kaj de unua gazeto „Esperantisto" ĝis nuntempaj admirindaj libroj kaj ĵurnaloj, montris la tutan historion de Esperanto. La kolekto estis elmontrita la unuan fojon en la ekspozicio de St. Louis, kie ĝi ricevis kiel premion arĝentan medalon. Inter multaj kartoj, portretoj, statistikaj tabeloj, diplomoj kaj libroj ekscitis intereson ekspozicio de prof. Cart, redaktoro de esp. gazeto por blinduloj. Ĉio, kio estis ĝis hodiaŭ en Esperanto por ili presita, estis kolektita kaj ordigita: skribmaŝino por

blinduloj, libroj kaj gazetoj en Braille-skribo, instruiloj, landkartoj, horloĝoj k. t. p.

La genio de organizintoj de kongreso montriĝis plej bone en aranĝo de laboroj materialaj. Vera mirindaĵo estis la **restoracio** por 1000 manĝantoj, starigita en Corn Echange (Grenvendejo). Korpuso da du cent kuiristoj, kelneroj kaj servistinoj zorgis pri la preparado kaj prezentado de manĝaĵoj. Precize je fiksita horo kunvenadis la kongresanoj en tiu ĉi lukse ornamita halo, kiun la elegantaj drapiraĵoj kaj floroj ŝanĝis je tre agrabla ripozejo. Inter kvardek longaj tabloj senbrue kaj bonorde glitis geservistoj, disportantaj laŭ signo de sonorilo la pladojn. Ĉiutagaj menuoj estis presitaj angle kaj esperante. En la halo oni havis la plej bonan okazon por interkonatiĝi kun novaj samideanoj, ĉar ĉiufoje oni havis plezuron renkonti novajn najbarojn. La vegetaristoj trovis restoracion senviandan, kiun malfermis proksime apud la urba domo konata verkisto de anglaj libroj pri vegetarismo, nia amiko Eustace Miles.

La detaleco kaj perfekteco en aranĝo surprizis vin tuj post alveturo en la stacidomon. Tie atendis la alvenintojn anglaj samideanoj, kiuj, mem prizorginte viajn pakaĵojn, tuj donis al vi bezonajn klarigojn aŭ akompanis vin al „via“ domo. Eĉ kiam ili forlasis vin kaj vi bezonis konsilon de Anglo aŭ interpretiston anglan-esperantan, vi povis nur peti kongresanon havantan rubandon trikoloran (ĉiuj neanglaj kongresanoj ricevis rubandojn bluajn); kiu el ili ne volus helpi al fremda samideano! Trairante la purajn stratojn vi ne povis nerimarki la multajn esperantajn afiŝojn kaj anoncojn en la magazenoj, vi ne povis neaŭdi la kriojn de trakurantaj gazetvendistoj: „Cambridge Express Esperanto kongres“, „Cambridge Daily News kun rubriko esperanta“, k. t. p. Ni atentigas, ke tiu ĉi **gazeto ĉiutage** alportadis dum la tuta semajno detalajn, longajn raportojn en lingvoj angla kaj Esperanto pri la kongresaj laboroj.

La fremduloj-Esperantistoj estis gastoj ĉie bonvenintaj: multaj societoj, universitato, urba legejo kaj biblioteko invitis ilin en siajn ĉambrojn. Ĉiutage kondukis ilin la afablaj studentoj de universitato tra ĉiuj kolegioj, muzeoj, preĝejoj, neforgeseblaj ĝardenoj kaj tra pentrindaj kortoj de municipalaj konstruaĵoj.

Kvankam la kongreso oficiale estis malfermita nur la 12-an aŭguston, tamen multe da samideanoj alvenis Cambridge'on jam sabaton vespere. Dimanĉo, tago de absoluta ripozo („angla dimanĉo“ estas multe pli severa ol la nia!), donis al ili bonan okazon por orientiĝi en la urbo, interkonatiĝi kaj starigi programon de kunvenoj specialistaj, dependan de programo ĝenerala. Lundon matene okazis „kunvenoj naciaj“, kiuj elektis siajn reprezentantojn po unu por ĉiu nacio (aŭ lingvo). Post la tagmanĝo rapide pleniĝis

la ĉefa strato kondukanta al stacidomo. Oni atendis alvenon de dr. Zamenhof kaj de lia edzino.

„**La akcepto de nia majstro** estis vere reĝa"; tiel unuanime esprimis sin pri ĝi ĉiuj gazetoj. La urbon beligis magia vergeto per sennombraj flagoj esperantistaj, kiuj subite aperis sur preskaŭ ĉiu domo kaj sur ĉiuj konstruaĵoj municipalaj senescepte. La ĉefa placo Market Square estas kovrita per flagoj kaj flagetoj de ĉiuj landoj; la urba domo kaj la stacidomo estas ornamitaj per ŝtofoj verda kaj blanka kun blazonoj anglaj kaj esperantaj. La urbanaro kun Esperantistaro viciĝas laŭlonge de vojo, kiun sekvos la kara Majstro. Apud la stacidomo staras kavaleria gvardio de honoro el la „Legion of Frontiersmen" en sia pitoreska kostumo, sur la perono, kovrita per tapiŝoj, atendas urba muzikistaro kaj la eminentularo vestita per uniformoj kaj akademiaj roboj: la urbestro „alderman" G. Stace kun ruĝa solena robo borderita per ermenfelo kaj ornamita per ora kolĉeno, akompanata de pedelo portanta oran pezan sceptron, triano Mudie, la urba konsilantaro, gen. Sebert en akademia, verde surbrodita uniformo, rektoro Boirac en silka nigra robo kun violkolora epitogo, prof. Bourlet en universitata robo kun epitogo ruĝa, la vicprezidantoj de la kongreso dr. Mybs, de Baufront, dr. Saussure, prof. Mayor kaj Oscar Browning de la Cambridge'a universitato, grupo da diveslandaj. uniforme vestitaj profesoroj, oficiroj kaj membroj de la urba korporacio. — Antaŭ la dua eksonas triumfe la muziko: „Jen la venkinta heroo" kaj tuj poste eventuras en la stacidomon vagonaro, el kies salona vagono eliras dr. Zamenhof, kolonelo Pollen kaj dr. Cunningham, sekvataj de s-ino Zamenhof kun s-oj Michaux, Moscheles kaj londonaj Esperantistoj. Entuziasmaj krioj de ĝojo eksonas tra tuta amaso, ĉiuj svingas la ĉapelojn, tukojn kaj flagojn dum la urbestro solene diras bonvenon al la Majstro. Post kelkaj minutoj ekmoviĝas la procesio tra du densaj vivaj muroj da salutanta esperantistaro. Antaŭirata de rajdantaj policanoj, sekvata de militista eskorto kaj dum laŭtbrua sonorado de ĉiuj preĝejaj sonoriloj, veturas nia Majstro direkte al la Fitz-William muzeo, sur kies ŝtuparo atendas lin vickanceliero de la universitato Rev. E. S. Roberts. Enirinte en la antikvostilan palacon, li akceptas afable longan vicon da kongresanoj, kiuj pasas parade antaŭ li kaj lia edzino. Tiu ĉi solena akceptado finiĝas per impresiga himno esperantista „La espero" sonanta triumfe tra vasta halo de la antikva konstruaĵo.

Post tiu ĉi festo, kuniginta ĉiujn kongresanojn, direktiĝas la amaso sur la korton de Trinity College, por ke ĝi estu fotografiita. Multaj bedaŭris, ke ĝia nombro estis tro granda por unu bildo kaj ke oni devis dividi la grandan grupon je du partoj.

Vespere okazis en la nova teatro la **solena malferma kunsido.** Eĉ la lasta loko estis okupita de vizitantoj. Post unua leviĝo de

la kurteno eksonas ĥoro da sesdek gekantistoj organizita de s-o A. Tuffield kaj lerte kondukita de s-o C. B. Rootham. Dua sceno montris neforgesotan bildon: en mezo de scenejo apud la tablo sidas dr. Zamenhof, flanke de li la urbestro Stace kun sia edzino, la trio Pollen, Cunningham kaj Mudie, prezidinto de la dua kongreso pastro Schneeberger kaj delegitoj el **tridek** diversaj landoj. Post kelkminutaj aplaŭdoj kaj salutaj krioj transdonas la lasta, kiel kutime, prezidantecon al kolonelo Pollen, kiu proponas kiel vicprezidantojn s-on Mudie kaj dr. Cunningham. La elekto estas unuanime aprobata. Poste la urbestro diras en Esperanto sian bonvenon al dr. Zamenhof kaj al ĉiuj kongresanoj; lia ĉarma edzino, ankaŭ en Esperanto, salutas la kongresaninojn. Apenaŭ ĉesis la bruegaj aplaŭdoj, alportas s-o Mudie belegan blazonstandardon, kiun transdonas kolonelo Pollen en nomo de Brita Esperanta Asocio al dr. Zamenhof. La standardo, brodita per oro kaj arĝento, surhavas kvinpintan stelon ĉikaŭitan de ruĝaj festonoj, sur kiuj oni legas jam nomojn: Boulogne, Genève, Cambridge.

Absoluta silento ekregis, kiam la Majstro leviĝis kaj legis sian ĉiujaran paroladon. Unuavice li salutas Anglujon, kiu gastame akceptis la kongresanojn; precipe li akcentigis la signifon de tio, ke la kongreso okazas en angla universitata urbo, t. e. en lando, kies lingvo povus pretendi fariĝi internacia, se lingvo nacia estus kapabla ludi tian rolon. Li dankis la Britan Esperantan Asocion por la zorgemo kaj lerteco per kiuj ĝi prizorgis ĉion tiel perfekte, ke ĉiuj estas konvinkitaj, ke la kongreso brile sukcesos. Per kelkaj kortuŝantaj vortoj li memorigis la glorajn Esperantistojn, kiujn rabis al nia afero la morto: Dr. Lloyd, prezidanton de la Liverpoola grupo, la faman scienculon Berthelot, prof. Michael Foster kaj precipe la eminentan amikon de Esperanto dr. Javal. Respekte la aŭdantaro leviĝis por honori la memoron je ili kaj je ĉiuj mortintaj Esperantistoj.

Poste li parolis pri la dudekjara jubileo de Esperanto kaj uzis la okazon por danki al sennombraj gratulintoj, kiuj sendis al li salutajn telegramojn. Interalie diras dr. Zamenhof: „Nun nia afero forte staras. — Ĉiu jaro potence pligrandigas niajn fortojn, kaj ni iras al nia celo jam kun plena trankvileco. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton. — Eĉ se ni volus nun halti, ni jam ne povus.“ La vera temo de lia parolado tamen estis: la esenco kaj celo de niaj kongresoj. Li klarigis, ke ni ne kunvenas por paroli pri lingvaj demandoj, „kiuj apartenas ekskluzive al la Lingva Komitato“, ke la deziro fari propagandon kaj ekzerciĝi en esperanta parolado ne pravigus sufiĉe la grandan vojaĝon kaj elspezojn necesajn por veturi al niaj kongresoj.

„ . . . Ni faras manifestacion kaj propagandon por la esper-

antismo ne pro ia utilo, kiun ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu grava signifo, kiun la esperantismo havas, por la tuta homaro, pro tiu komunehoma celo, kiu nin, aktivajn Esperantistojn, altiris al Esperanto; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manojn, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en ŝi enhavas . . .“ La oratoro poste aludis neŭtralecon de Esperanto kaj la sendependecon de ĉiu, utiliganta la lingvon, kiu havas la rajton nomi sin Esperantisto. Li malvolvas longe tiun ĉi penson kaj finas, meze de la plej granda entuziasmo, sian belan paroladon por vortoj: „Vivu Esperanto, sed antaŭ ĉio vivu la celo kaj la interna ideo de esperantismo, vivu la frateco de la popoloj, vivu ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj, vivu, kresku kaj floru la verda standardo!“

La senspira silento estas subite rompita per furioza aplaŭdo kaj per longedaŭraj krioj „Vivu Zamenhof. Vivu Esperanto“: la entuziasmo atingis la plej altan gradon.

Kiam la aklamoj ĉesis, tralegis s-o G. Moch, ĝenerala sekretario de la organiza komitato, salutajn telegramojn kaj leterojn adresitajn al la kongreso. El ili precipe estas notinda tiu de fama angla jurnalisto W. T. Stead kiu nun estas en la Haaga Paca Konferenco por tie redakti ĉiutagan gazeton nomitan „Courrier de la Conference de la Paix“. Ĉiu Esperantisto memoras la valoran servon, kiun alportis s-o Stead al nia ideo per sia aliĝo al Esperanto kaj per malfermo de sia monata revuo „Review of Reviews“ al konstanta rubriko pri nia movado en Britujo. Jen letero, adresita al „Triano“ dr. Cunningham: „Mi gratulas vin, ke vi havas la honoron akcepti dr. Zamenhof kaj la esperantistan kongreson en la fama universitato de Cambridge. Mi, ho ve!, devas resti por ĉeesti en alia kongreso, kiu estus multe pli interesa kaj utila, se ĝiaj anoj parolus Esperanton. Ju pli mi vidas internaciajn konferencojn, des pli konvinkita mi iĝas, ke dr. Zamenhof, kreante Esperanton, liveris la solan, nepran bezonataĵon por la federacio de l' mondo, simplan, regulan, neŭtralan ŝlosilolingvon. kapablan esti universale alprenata. Antaŭ la fino de la jarcento Esperanto estos universale rekonata kiel necesaĵo por la civilizita homaro. — Volu doni al dr. Zamenhof mian dankan respekton kaj salutu lin de mi kiel unu el la grandaj bonfarantoj de l' homaro. — Mi estas via sincera William T. Stead.“

Bonhumora kaj sincera estis telegramo de s-o A. H. Fried: „De la ne-paca konferenco en Haag korajn salutojn al la vere paca konferenco en Cambridge.“

Vere paca estis nia kongreso, ĉar montriĝis laŭ neatendita nombro da delegitoj, ke tridek diversaj lingvoj kaj landoj estas

reprezentataj per la 1400 ĉeestantaj kongresanoj. La unua parolinto estis leŭtenanto Cardinal, **oficiale** sendita de sia militministro por reprezenti la belgan registaron.

Jen liaj vortoj: „Sinjorinoj kaj Sinjoroj! En la nomo de mia lando, Belgujo, kiun mi oficiale reprezentas ĉe la 3-a kongreso esperantista, mia kora saluto iras unue al la glora elpensinto de esperanta lingvo, dr. Zamenhof, poste al la kongresa komitato, fine al la tuta esperantistaro. Post grava kaj dokumentplena raporto farita de generalo Leman, komandanto de militista lernejo en Bruselo, pri la graveco de internacia lingvo je la plej altideala vidpunkto kaj pri la nuna estado de Esperanto, la ministro de militistaro delegis min oficiale. Mi konsideras tiun mision kiel la plej gravan fakton de mia ĝisnuna vivado. Mi estas faronta unue raporton pri agado de la kongreso, poste paroladojn ĉe la profesoraro de la militista kaj de la milita lernejoj. Ne estas necese, ke mi altiru vian atenton pri la grava decido de la belga registaro. Ĝi naskigu ĉie samajn ekzemplojn!“ Tiu ĉi interesa dokumento montras, ke la granda ideo de helpa lingvo internacia estas je la antaŭtago de tutplena venko. La kongreso, komprenante la gravan signifon de tiu fakto dankis telegrame belgan registaron. Alia telegramo estis sendita al komandanto Lemaire en Afrikon, kiu de dek jaroj ne ĉesas antaŭpuŝi Belgujon sur la vojo de helpa lingvo.

Post leŭtenanto Cardinal parolis delegitoj en nomoj de ĉi tiuj landoj: Venezuelo, Tunizio, Svisujo, Svedujo, Siberio, Rusujo, Polujo, Urugvajo, Norvegujo, Monako, Malta, Nordamerika Unio, Italujo, Islando, Irlando, Hollandujo, Katalanujo, Hispanujo, Gibraltar, Germanujo, Francujo, Danujo, Kimrujo, Britujo, Skotlando, Belgujo, Hungarujo, Aŭstrio, Slovakujo, Bohemujo kaj Kanado.

Fine la tuta ĉeestantaro kantis starante la britan himnon: „Savu la reĝon, Di'!“

En la sama kunveno oni decidis ankaŭ sendi telegramon al angla reĝo Eduardo VII. Sekretario de la kongreso ricevis la duan tagon jenan respondon: „I have had the honour of submetting your telegram to the King, and I am commanded by His Majesty to thank the members of the Congress for it. Knollys.“ (Traduko: Mi havis la honoron prezenti Vian telegramon al la reĝo, kaj Lia Reĝa Moŝto ordonis, ke mi danku la membrojn de la kongreso.)

**La agadaj kunsidoj** okazis de mardo (13a) ĝis vendredo (16a), ĉiun antaŭtagmezon en la granda ĉambro de la urba domo. La kunvenojn prezidis la samaj personoj, kiujn ni vidis sur la scenejo ĉe malferma festo. Kvankam la belaj promenejoj en ĉirkaŭaĵo de la urbo, nova naĝbanejo kaj boatoj sur la rivero tentis la kongresanojn, tamen ĉiu kunsido estis vizitita de pli multe ol mil samideanoj, kiuj ĉiam plej atente aŭskultis la oratorojn kaj vigle partoprenis en la diskutado.

Ni, kompreneble, absolute ne povas doni raporton pri ĉio, kio estas parolita kaj decidita en la laboraj kunvenoj, ĉar la represo de la programo mem plenigus kelkajn paĝojn. Al ĉiu, kiu deziras legi detalaĵojn, ni konsilas aĉeti la oficialan dokumentaron, kiun publikigos la „Centra Oficejo“ (Paris, rue de Clichy 51) laŭ notoj maŝine stenografiitaj.

Unua kunsido: Prezidanto dr. Pollen transdonas sian oficon al s-o Mudie, kiu donas legi raporton de la Konstanta Komitato, pri la kondukado de estontaj kongresoj. S-o Chavet, sekretario de Centra Oficejo, raportas pri la progresoj faritaj dum la lasta jaro. Precipe en Ameriko kaj Japanujo nia afero ĝojige kreskas. S-o Montrosier, red. de Tra la Mondo, parolas pri la stato de Esperanto ĉe la Ruĝa Kruco (laŭ raporto de s-o leŭtenanto Bayol). Prof. R. Deshays atentigas pri urĝa akceptigo de nia lingvo por ĉiuj rilatoj internaciaj kaj socialaj. Prof. Grillon el Ameriko raportas pri la progresoj en sia lando, kie nun laboras almenaŭ 65 grupoj S-o Mudie anoncas, ke la nombro de kongresanoj atingis 1400; sed al tiu nombro oni devas aldoni multajn amikojn de la kongresanoj kaj tiujn, kiuj, povante resti nur kelkajn tagojn en Cambridge, ne enskribis sin oficiale. — Dua kunsido: Post tralego de diversaj raportoj stariĝas famekonata profesoro de latina lingvo ĉe Cambridge'a universitato, s-o Mayor, kiu, kvankam okdektrijara, per laŭta kaj viva voĉo laŭdas Esperanton, kiun li tre bone ellernis dum la lasta monato. La kongreso aprobas la kreon de „Esperantista marista ligo“ kaj admonas insiste la havenajn grupojn, ke ili helpu laŭpove la agadon de tiu ligo. S-o Frenkel el Siberio diras pri siaj klopodoj ĉe rusa registaro por enkonduki Esperanton en la lernejojn, kiu leĝo, laŭ lia tre prava opinio, povas esti akceligita, se la gepatroj de infanoj mem insistos pri tio plej energie. Poste oni komencis trakti pri elekto de komuna festotago esperantista; laŭ konsilo de dr. Zamenhof oni prokrastis la decidon, ĉar li mem promesis proponi post plej baldaŭa tempo iun daton. Utileco de tia festo montriĝis tre bone ĉe okazo de dudekjara jubileo de Esperanto, kiam aperis sennombraj propagandaj artikoloj en ĉiuj ĵurnaloj de tuta mondo samtempe. Ĝia granda signifo propaganda ne povas esti preteratentita. — Tria kunsido: S-o Schröder el Wien anoncas baldaŭan aperon de esperanta poŝkalendaro; s-o Evstiféieff el Rusujo deziras kunhelpon por la nova granda Franca-Esperanta vortaro. S-o Forman, redakciano de la North American Review, legas telegramon de sia ĉefredaktoro, s-o G. Harvey, kiu invitis la kongreson proksiman en Amerikon. S-o E. K. Harvey, kiu estis komisiita raporti, ĉu efektive personoj el diversaj landoj povas per Esperanto interkompreniĝi, diris, ke post lia sperto en la kongreso, estos lia raporto tute favora. Li ankaŭ proponas en la nomo de Amerika Esperanta Societo,

ke estu eldonitaj fonografaj cilindroj kun Ekzercaro de dr. Zamenhof. Prof. Cart priparolas la propagandon inter blinduloj; unu el blindaj kongresanoj esprimas al nia Majstro koran dankon por lia bonfara eltrovaĵo, kiu s o l a proksimigas la diverslingvajn blindulojn. S-o Milsom el Genève proponas, ke ĉiu grupo fiksu en stacidomoj de sia urbo avizan tabulon kun adresoj de klubejo aŭ kunvenejo, loĝejo de sekretario aŭ konsulo esperanta. La propono estis unuvoĉe akceptita. Je fino de kunsido sciigas dr. Mybs el Hamburg, ke la germanaj Esperantistoj decidis inviti la kongreson en Germanujon. Kun kora, entuziasma aplaŭdo akceptis ĉiuj kongresanoj la inviton. — K v a r a kunsido (la lasta): Dr. Mybs, prezidanto de Germana Esperanta Societo dankas la kongreson por elekto de Germanujo kiel kongreslandon en jaro 1908 La urbon elektos la Societo post interkonsentiĝo de la reprezentataj kluboj.*) Poste oni esprimas dankon al la Amerikanoj por ilia invito kaj s-o Mudie priparolas la eblecon kaj utilecon de du kongresoj (eŭropa kaj amerika), kiuj interŝanĝadus delegitojn. La projekto, favore akceptita, tamen ne estis definitive solvita. Kolonelo Pollen sciigas, ke L o r d R o b e r t s, eks-generalisimo de la brita armeo, a k c e p t i s l a h o n o r a n p r e z i d a n t e c o n d e l a B r i t a E s p e r a n t a A s o c i o. Rektoro Boirac, prezidanto de la Lingva Komitato, tralegas raporton pri ĝiaj decidoj: la unua estas eldono de oficiala listo de radikoj, vortoj teknikaj k. t. p., kiuj estas regule en nia literaturo uzataj, sed kiuj ne estas enhavitaj en la Fundamenta Vortaro. Krom tio li raportas, ke la detalaj teknikaj vortaroj estas nun en preparado. Laŭ propono de s-o de Beaufront la kongreso esprimas oficiale sian dankon al urbestro kaj al loĝantaro de Cambridge por ilia gastameco kaj same al s-o Höveler (Ĉefeĉ), kiu per siaj ĉiulingvaj ŝlosiloj helpis dum lastaj du jaroj plej multe la diskonigon de Esperanto. Fine dr. Pollen dankis je nomo de la kongreso al s-o Mudie kaj al liaj helpintoj, kiuj oferis tiom da laboro al la afero. F e r m a k u n s i d o okazis la 17-an aŭguston. Post kutima tralego de lasta protokolo raportas sekretario s-o Moch pri laboroj faritaj dum la specialistaj kunvenoj; inter alie li diras, ke ekzistas jam pli multe ol 200 konsulejoj esperantistaj. Dr. Mybs el Hamburg atentigas, ke la germanaj Esperantistoj uzados la terminojn informejo, informisto anstataŭ konsulejo, konsulo. S-o Moch sciigas, ke okazos la 9an septembron kongreso de Pacifistoj en München, kiu traktos pri akcepto de Esperanto.**) Dr. René de Saussure el Genève legas raporton de

---

*) Dresden? (red.)

**) Laŭ ĵus ricevita protokolo ni vidas, ke la kongreso a k c e p t i s Esperanton, kiun uzadis 40 pacifistaj societoj jam antaŭ tiu ĉi tempo.

Internacia Scienca Oficejo, kiu rekomendas al esperantistaro uzadi helpan decimalan monsistemon. Antaŭ fino de kunveno eldiris prof. Mayor en Esperanto gravajn por nia afero vortojn: Mi vidis fali la murojn, kiuj disigas la homojn de diversaj nacioj; mi vidis en tiuj ĉi tagoj miraklon post miraklo. . . . Tie ĉi la poeto Ovidio ne bezonus plendi: Barbarus hic ego sum, quia non intelligor ulli (Tie ĉi mi estas barbaro, ĉar neniu min komprenas). Ne! post kelkaj horoj kun nia esperanta lernolibro li ekkrius ĝojege: Non sum barbarus hic: intelligor omnibus (Tie ĉi mi ne estas barbaro: ĉiuj min komprenas). Tial vivu! Kresku! Floru la nove eltrovita lando Esperantujo, kune kun sia nova Kristoforo Kolumbo, kaj la tuta esperantistaro! Vivat Esperantismus, crescat, floreat multos in annos! Post la parolado la ĉeestantaro leviĝis kaj entuziasme aplaŭdis. Dr. Zamenhof tiam ripete dankis la „Trion" kaj bondezirinte al ĉiuj feliĉan revojaĝon, li fermis la neforgeseblan, nekompareblan trian kongreson.

**Specialaj kunvenoj** okazis ĉiutage posttagmeze en diversaj ĉambroj de la kolegioj, de urba domo kaj de kelkaj societoj cambridge'aj.

Unu el la plej gravaj estas certe la definitiva starigo de Internacia Scienca Asocio Esperantista, kiun oni fondis provizore jam en la dua kongreso (1906). Generalo Sebert estis tiam elektita kiel prezidanto kaj prof. Bourlet kiel sekretario. Unue oni akceptis deklaracion, per kiu oni esprimis la deziron, ke la scienculoj konstante uzadu Esperanton dum siaj kongresoj kaj ke la gravaj, internacie disvastigitaj sciencaj gazetoj akceptu artikolojn redaktitajn en Esperanto kaj plie aldonu al ĉiu artikolo, redaktita en nacia lingvo, resumon en Esperanto montrantan ĝian enhavon. Oni sukcesis jam per helpo de Internacia Scienca Oficejo Esperantista, fondita pasintan jaron de prof. René de Saussure en Genève, kolekti pli multe ol 800 subskribojn de suprenomita deklaracio. (La Oficejo eldonas, kiel konate, la Internacian Sciencan Revuon, fonditan en jaro 1904.) En la kunveno, okazinta en diskutejo de „Union Society" estis elektita por la proksima jaro tiu ĉi komitato: prezidanto prof. A. Schmidt, direktoro de la reĝa magneta observejo en Potsdam, prof. ĉe berlina universitato kaj prezidanto de berlina grupo esperantista; vicprezidantoj: prof. J. J. Thomson, la fama elektristo, direktoro de la Cavendish laboratorio en la universitato de Cambridge kaj prof. Benoît, direktoro de la internacia oficejo por mezuriloj kaj peziloj; ĝenerala sekretario: prof. René de Saussure en Genève; helpantaj sekretarioj: prof. Carlo Bourlet, profesoro ĉe Nacia Konservatorio de Artoj kaj Metioj (Paris) kaj inĝ. W. Ŝmurlo el Rusujo; kasisto: dr. Renard (Genève). Membroj de la komitato estas: Generalo Sebert, de la Franca Instituto, prof. Ed. Huntington el Harvarda universitato (Nordamerika Unio), prof.

Villareal de Scienca Fakultato (Lima, Peru), prof. H. Pellat, prez. de la Franca Societo de Fiziko, s-o J. Meazzini, geologiisto el Arrezzo (Italujo), dr. K. Bein, okulisto el Warszawa (Polujo), dr. K. B. R. Aars de la Scienca Akademio en Kristiania (Norvegujo), s-o Fournier d' Albe, Chapelizod, Dublin (Irlando), kaj Ricardo Codorniu, ĉefinĝeniero de arbaroj, Murcia (Hispanujo).

Internacia Societo de Esperantistinoj por la protektado de virinoj estis fondita per iniciativo de prezidantoj de la tri unuaj kongresoj: s-oj Michaux, Schneeberger kal Pollen sukcesis altiri al tiu ĉi asocio atenton de ĉiuj 400 ĉeestintaj Esperantistinoj, kiuj elektis jam provizoran komitaton. S-ino Zamenhof aklame ricevis la honoran prezidon.

Konferenco pri tradukado de la Biblio en Esperanton, organizita de pastro Rust (Anglo), kunigis 200 interesiĝantojn. En programo de la diskutado estis precipe: Sciigo pri laboroj jam faritaj; konsidero, kiel plej bone akiri veran internacian tradukon; studi rimedojn por eldoni tiun tradukon. Laŭ raporto donita de pastro C. G. Wilkinson (Anglo) montriĝis, ke ekzistas jam dek diversaj verkoj esperantaj, tradukitaj el Biblio (Libro Ruth, La predikanto, Evangelio de sankta Mateo, Psalmoj 1—45, Epistolo de sankta Jakobo, Evangelio laŭ sankta Marko k. t. p.). Oni konsentas, ke por la traduko estas uzeblaj sole la tekstoj originalaj. Provizora komitato estas elektita aklame: Pastroj Rust, Peltier, Schneeberger, kiuj reprezentas la anglikanan, katolikan kaj protestantan ekleziojn. S-o Evstiféieff rimarkigas, ke la tradukantaro bezonos organon, en kiu oni povos diskuti pri demandoj precipe lingvaj kaj pri rezultatoj atingitaj. Li mem proponas eldoni por tiu ĉi celo 16-paĝan gazeton; lia grandanima decido estas akceptita aplaŭde. Laŭ fina propono oni rekomendis al elektita „trio" serĉi en ĉiu lando almenaŭ po du kunhelpantoj, kiuj eĉ ne bezonos esti pastroj.

Kunveno de blinduloj. Dudek unu blindaj samideanoj el Eŭropo eĉ Ameriko partoprenis la kongreson. Per mona helpo de kelkaj bonkoraj samideanoj kaj per vere patra zorgado, kiun donis al ili prof. Cart, redaktoro de blindula organo esperantista, ili povis la unuan fojon kunveni tiel multnombre kaj ĉeesti ĉiujn kunsidojn de la kongreso. En speciala kunveno de blinduloj kaj iliaj protektantoj oni decidis fondi „rondirantan bibliotekon", pri kiu zorgos elektita komitato. Poste oni proponis, ke ĉiu grupo esperantista estu invitita akcepti kiel protektaton almenaŭ unu blindulon, kiun ĝi povas instrui pri Esperanto kaj helpi lian aliĝon al tutmonda movado. La zorgatoj gajnitaj tiamaniere jam de kelkaj kluboj, flue parolas kaj ĝuste skribas nian lingvon, kaj povas jam eĉ mem instrui aliajn pri ĝi. Brita Esperanta Asocio (London, Strand, 13, Arundel-street) anoncas, ke ĝi eldonis senpagan lerno-

libron de Esperanto en Braille'a skribo, kiu ebligas kiun ajn, ĉu li konas legi tiun ĉi sistemon aŭ ne, instrui la elementojn de Esperanto al blinduloj.

Lingva Komitato kunvenis preskaŭ ĉiutage sub prezido de rektoro Boirac kaj dr. Zamenhof. Proponoj akceptitaj (ekz. eldono de radikoj uzataj en verkoj de la Majstro kaj ne enhavitaj en Fundamenta Vortaro) estos kompreneble prezentotaj por definitiva akcepto al ĉiuj membroj de la komitato.

Esperantistujo. Kelkaj kongresanoj, rimarkinte, ke dum la kongresa semajno oni faras mirindajn progresojn en uzado de Esperanto, ĉar oni havas ne sole okazon ĝin aŭdi sed ankaŭ bezonon ĝin paroli, invitis la interesemulojn al kunveno, kies rezultato estis aranĝado de internaciaj vilaĝoj, t. e. en la lando, kie okazos tiun jaron la kongreso, oni elektos proksime de kongresurbo alian urbeton, kiun oni rekomendos al Esperantistoj kiel antaŭ kaj postkongresan somerloĝejon. Similaj loĝejoj povus esti organizataj ankaŭ en ĉiu nacio. (Ni havos ankoraŭ okazon paroli pli detale pri tiu ĉi temo.)

Nove fonditaj estas: „Societo por malhelpi kruelecon kontraŭ bestoj", „Internacia Muziksocieto", „Marista Ligo", „Internacia societo de instruistoj" kaj Societo de virinoj.

Krom kunvenoj supreciititaj okazis kunsidoj de: Tutmonda Labora Societo, Konsuloj kaj delegitoj de Esperanto-Oficoj, Internacia Studenta Asocio, liberpensuloj, Ruĝuloj, katolikoj, framasonoj, Germana Esperanta Societo, Ruĝa Kruco Esperanta, juristoj, ĵurnalistoj esp., filatelistoj, kontraŭ-alkoholistoj, kuracistoj, farmaciistoj, akciuloj de Esperanto-ĵurnalo, fotografiistoj, studentoj de nova vivo, dentistoj, socialanoj, Brita Grupo Medicina, ŝakludantoj kaj de la Tutmonda Societo por Komercaj Informoj.

Redakcio de „La Revuo" organizis por siaj legantoj muzikan kaj deklaman feston en ĉambrego de urba domo. Post la programo estis disdonitaj la premioj de literatura konkurso, malfermita antaŭ unu jaro en „La Revuo", al gajnintoj s-o René Artigues (Versailles), s-o Vicente Inglada y Ors (Valencia), s-o H. Hodler (Genève).

Dimanĉaj diservoj. Laŭ speciala permeso de religiaj aŭtoritatoj okazis matene la 11-an aŭguston en la romkatolika preĝejo la unua plena diservo kaj prediko en Esperanto. Post la meso abato Richardson el Belgujo legis telegramon senditan de Mgr. Giambene el Roma: „Sankta Patro permesos Richardson doni lianome papan benon post prediko; katolika diservo nur se epi-

skopo konsentas. Reskripta letero sekvas. Giambene.“ La prediko, bazita sur la Evangelio de st. Johano X. 16. estis aŭskultita plej atente de ĉiuj ĉeestantoj. -- Diservon protestantan kondukis en „Great St. Mary’s preĝejo pastro A. J. Edmonds el Great Grandsen kun pastro R. C. Brindley el Mickleover. La ordo de diservo estis aranĝita de pastro J. C. Rust el Soham kaj aprobita de la episkopo de Ely. Pastro Rust predikis laŭ vortoj el Epistolo al Efesanoj I. 9. - Vespere okazis anglikana diservo en la kongregacia kapelo. La preĝojn legis pastro Fr. Schneeberger el Svisujo, predikis pastro W. B. Selbie (laŭ st. Johano VII. 17). Tiun ĉi esperantan predikon publikigis la 21an aŭg. „Christian World Pulpit“.

F e s t o j k a j l a t e a t r a j p r e z e n t a d o j. Longa, preskaŭ senfina vico da amuzaĵoj. kiuj plenigis programon de la kongresa semajno, komenciĝis jam antaŭ ĝia malfermo: unua k o n c e r t o, organizita de diverslandaj artistoj okazis jam sabate vespere. Por la anglaj neesperantistoj organizis kolonelo P o l l e n lumprojekcian p a r o l a d o n pri sia vojaĝo en Japanujon kaj Hindujon, kiu estis por li bona okazo por vastigi Esperanton en tiuj ĉi landoj kun helpo de hinda princo, kiun li akompanis. Dufoje kolektiĝis ĉiuj kongresanoj en la nova teatro. Mardon vespere estis prezentita la amuziga komedieto „B o k s k a j K o k s“, tradukita de Stewart; s-oj Page, Ford kaj Hulme akiris koran aplaŭdon. Merkredon komenciĝis la dua prezentado per tre interesa parolado (kun lumprojekcioj) farita per bela kaj klara voĉo de s-ino baronino de Ménil pri la libertempaj kolonioj de francaj infanoj. Post kelkaj bonaj deklamoj kaj kantoj sekvis prezentado de komedio: „B a r d e l l k o n t r a ŭ P i c k w i c k“ de Dickens. La aktoroj, kiuj estis elektitaj el 9 diversaj nacioj, pruvis per unueca ludado denove la internaciecon de Esperanto.

Unu el la plej sukcesplenaj festoj estis la akcepto de kongresanoj en la Ĝ a r d e n o d e F r a t u l o j (King’s College). Iliaj Moŝtoj la provincestro kaj Vicgrafino Clifden, la ĉefekonomo de la urbo, s-o Harding kaj urbestro, s-o Stace, ambaŭ kun siaj edzinoj, salutis la fremdulojn en bele flagornamita tendo. Dum agrabla ludo de Skota Gvardio kaj sakfajfistoj promenadis preskaŭ mil ĉeestantaj kongresanoj sub la altaj arboj kaj sur freŝverdaj herbejoj de la ĝardeno. Post fermo de kongreso okazis en la urba domo kaj en grenvendejo, kiujn kunigis speciale konstruita tenda koridoro surstrata, granda nacivesta b a l o, en kiu almenaŭ dudek nacioj estis reprezentataj. Inter la pentrindaj naciaj vestoj estis rimarkeblaj ankaŭ kostumoj bohemaj (f-inoj Fierlinger el Olomouc), pri kiuj sin esprimis plej laŭde eĉ la anglaj gazetoj.

Tre afablan akcepton trovis Esperantistoj en la u n i v e r s i t a t a j k o l e g i o j (Girton College, Newnham College), kaj ĉe diversaj festoj: tiutempe organizita festo de P o l i c a A t l e t a

Societo sur sportejo de Leys-lernejo, kiun partoprenis krom la policestro kaj la oficiroj de urba policanaro ankaŭ gesinjoroj Zamenhof, kolonelo Pollen, gen. Sebert, de Beaufront kaj urbestro kun sia edzino, alportis al plej lerta policano pri ambulanca laboro dum la pasinta jaro kiel premion, esperantan pokalon La pokalo estis prezentita de nia Majstro al serĝento Gates, kiu esprimis sian dankon por la honoro ricevita — esperante

Alia ekskurso kondukis 600 kongresanojn en la „Garden City“ apud Letchworth, kie fondinto de tiu ĉi urbo, nia samideano s-o Ebenezer Howard, klarigis en Esperanto principojn kaj celon, kiun sekvas la Asocio, elkonstruinta ĝin en jaro 1899. Pli detalajn klarigojn oni povas legi en esperanta broŝuro, kiun sendas laŭ peto senpage „Sekretario de Garden City Association, London W. C., Holborn, 602. Birkbeck Bank Chambers“. Ni rimarkis, ke multaj loĝantoj de tiu ĉi kampara urbo scias tre bone paroli Esperanton.

Ĉirkaŭ kvar cent partoprenantoj vizitis per speciala vagonaro la katedralon Ely; aliaj ekskursoj estis faritaj sur vaporŝipetoj en Clayhithe'n, en la botanikan ĝardenon, kaj al Militista Turniro en Midsummer Common, kiu rikoltis multe da sukceso. Kun intereso oni sekvis ankaŭ la kriketludon sur sportejo de universitato kaj ĉiujn konatajn anglajn sportludojn.

Tago post tago pasis kaj alproksimiĝis tempo, kiam ni ekparolis pri la kongreso kiel pri pasintaĵo. La vagonaroj forportadis la kongresanojn po centoj kaj post du tagoj restis en Cambridge eĉ ne unu fremdulo. Plej multaj, akceptinte la inviton de Londona Esperantista Klubo, preferis kune veturi por esti gvidataj en la nekonata urbego. En londona anglikana preĝejo St. Clement-Danes okazis diservo kaj prediko esperantaj de Rev. A. Poynder la 18an aŭguston. Posttagmeze gastigis la Esperantistaron en sia domo la fama angla pentristo s-o Moscheles, prezidanto de la Londona Klubo Esperantista, kaj vespere ĉeestis kelkaj centoj da samideanoj en sidejo de „Polyglot Club“, kies esperanta sekcio kore akceptis ilin. La plej grava festo okazis lunde, kiam la „City of London“ akceptis la Esperantistojn oficiale en la malnova londona urba domo (Guildhall). Ĉefurbestron, kiu ne povis ĉeesti, anstataŭis Aldermann Sir Vezey Strong, kiu certigis en sia longa alparolo, ke la londona urbestraro multe interesiĝas pri la lingvo internacia. Post lia bonvena parolado estis prezentitaj kelkaj scenoj de la komedio: „Ŝi kliniĝas por venki“; la 11 geaktoroj estis elektitaj el 11 nacioj! — Mardon vespere multaj partoprenis ankoraŭ en la balo en Holborn-Restaurant, kie oni la lastan fojon kunvenis kun ceteraj amikoj — tiun ĉi jaron. La vizitado de London estis helpita ne sole de bonvolaj Esperantistoj — gvidantoj, sed ankaŭ per speciale eldonita bela gvidlibro esperanta: „Londonaj Interesaĵoj“.

Programo de postkongresaj festoj ne estus elĉerpita, se ni ne citus la grandajn ekskursojn en Kimrujon kaj en Skotlandon, kiujn kondukis s-oj Mudie kaj Page. La unuaj (75 vojaĝantoj) vizitis Oxford, Leamington, Stratford on Avon, Chester kaj Llandudno; la aliaj (60) veturis pli malproksimen: en Edinburgh ili estis solene akceptitaj de la urbestraro kaj de loka klubo esperantista, kiuj aranĝis je ilia honoro vesperan koncerton. Saman bonvenon ili ĝuis en Glasgow.

London estis fina stacio de ambaŭ ekskursoj. Tie sonis la lasta

„Ĝis la revido en Germanujo!"

*    *

Sídlem třetího kongresu Esperantistů zvoleno anglické město Cambridge, v němž pořádal přípravný výbor již dlouhou dobu před sjezdem řadu kursů a přednášek o Esperantu, aby získal pro naší myšlenku i nejširší vrstvy obyvatelstva. Zvolení Cambridge jest významu nemalého, neboť městská rada a senát university, které daly na jevo veliký zájem o Esperanto, jsou korporacemi známými a váženými v celém civilisovaném světě.

Střediskem všech prací byla radnice a posluchárny universitních kolejí. V radnici byla uspořádána též výstava všech dosud vydaných spisů esperantských (přes 2000), vyznamenaná stříbrnou medailí na světové výstavě v St. Louis. V téže budově byla umístěna kancelář žurnalistů, písárna, filialka pošty a hlavní úřadovna Jest zajisté podivuhodna zručnost, jakou dali na jevo naši angličtí přátelé v práci organisační. Restaurace zařízená pro 1000 hostů v obilní burse, vegetárská jídelna, ubytování více než 1400 kongresistů, denník esperantský vydávaný po dobu trvání kongresu, vyzdobení města, vydání peněžních poukázek, organisování společných výletů — to vše překvapovalo přesným provedením.

„Přivítání dr. Zamenhofa bylo vskutku královské", tak vyslovily se o něm všechny časopisy, které přinášely pravidelné zprávy o činnosti kongresu. Na nádraží vítali jej členové rady městské, profesorský sbor university a přípravný výbor kongresu. Za doprovodu vynikajících osobností a jízdní čety „Legion of Frontiersmen" jel dr. Zamenhof, nadšeně pozdravován, do pantheonu musea, kde přijal jej vickancléř university Rev. E. S. Roberts. Téhož dne večer zahájen kongres oficielně slavností v městském divadle, při níž proneseny pozdravy zástupci t ř i c e t i súčastněných národů a zemí. Významným jest pro nás fakt, že b e l g i c k á v l á d a o b e s l a l a k o n g r e s s v ý m z á s t u p c e m, leut. Cardinalem, jedním z předních Esperantistů belgických. — Společné schůze byly pořádány každého dne ve velké dvoraně radnice. Jim předsedal vedle dr. Zamenhofa, čestného předsedy, gen. Pollen; těchto schůzí, na nichž

většinou byly přednášeny referáty o odborových jednáních, súčastnili se pokaždé všichni kongresisté, což na sjezdech světových, jednajících několika jazyky, nikdy nebývá!

Nových úspěchů doznalo Esperanto v Japonsku a v Americe, odkud přišlo též pozvání, aby příští kongres byl pořádán ve Spojených Státech Po návrhu německé unie Esperantistů bylo však zvoleno za místo to Německo. V poslední schůzi oznámil předseda, že eks-generalissimus britské armády, Lord Roberts přijal čestné předsednictví britské unie esper., a že anglický král zaslal kongresu dík za pozdravný telegram.

Odborových schůzí bylo pořádáno každý den několik. Nejhlavnější byla ustavující schůze „Mezinárodní vědecké asociace Esperantistů", jejíž předsedou jmenován prof. A. Schmidt, ředitel král. magnetické observatoře v Postupími, místopředsedou prof. J. J. Thompson, ředitel Cavendishovy laboratoře na universitě v Cambridge a prof. Benoît, ředitel mezinárodní kanceláře pro míry a váhy v Paříži. Oficielním orgánem společnosti, čítající již 800 členů, jest časopis „Internacia Scienca Revuo". Krom této ustavila se mezinárodní liga námořní, mezinárodní spolek učitelů, spolek hudebníků, spolek na ochranu žen a společnost překladatelů bible do Esperanta. Z ostatních jmenujeme v prvé řadě: schůzi slepců, Lingva komitato, interesentů o esperantské letní kolonie, esperantských konsulů (přes 200), studentů, právníků, katolíků, lékařů, obchodníků, šachistů, akcionářů časopisu Esperanto-journal a t. d. Jednotlivé sekce náboženské pořádaly služby boží ve chrámu katolickém (s povolením papeže, který zaslal své požehnání účastníkům bohoslužby), protestantském a anglikánském. Modlitby, jakož i kázání, byly čteny pouze v Esperantu. Ze slavností zasluhují pochvalné zmínky dva divadelní večery (za účinkování příslušníků devíti různých národností) a ples, pořádaný ve dvoraně radnice a obilní bursy. Četné koncerty, přednášky se světelnými projekcemi, výlety do okolí města, návštěva sportovních hříšť (policejní athletické závody) a prohlídka zajímavých budov cambridgeských vyplňovaly prázdné chvíle programu.

Po skončení kongresu podnikli účastníci společné výlety do Londýna, Škotska nebo do Oxfordu; ve všech městech, jmenovitě v Londýně, dostalo se jim se strany rad městských velmi vřelého přivítání. Večírek na rozloučenou, spojený s plesem, uspořádal klub londýnský v hotelu Holborn.

---

---

Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de K. Pitter, Praha.